WIKIPEDIA

# Alzaca lingvo

La **alzaca lingvo** estas malaltalemana germana dialekto parolata en Alzaco (Francio). Oni parolas ĝin en departemento Alzaco kaj en la komunumoj de *Baerenthal* kaj *Philippsbourg* en departemento Moselle. Estas entute ĉirkaŭ 700 000 parolantoj de la lingvo.

| **Alzaca lingvo** | |
|---|---|
| ***Elsässisch*** | |
| **Parolata en** | Francio (Alzaco kaj komunumoj de *Baerenthal* kaj *Philippsbourg* en Moselle) |
| **Parolantoj** | ĉirkaŭ 700 000 |
| **Skribo** | latina alfabeto |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Hindeŭropa | |
| Ĝermana | |
| Okcidentĝermana | |
| Ĝermannederlanda | |
| Altĝermana | |
| **Alzaca lingvo** | |
| **Oficiala statuso** | |
| **Oficiala lingvo en** | Statuto de regiona lingvo en Francio |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-3** | gsw |
| **Glottolog** | alsa1241 |
| **Angla nomo** | Alsatian |
| **Franca nomo** | alsacien |

## Enhavo



## Lingvaj karakteroj

La alzaca estas ĝermana dialekto, kies la tendenco estas akcenti la unuajn silabojn de vorto. La lingva tipologio de la lingvo estas *lingvo SVO*.

La alzaca lingvo havas la statuton *Regiona lingvo de Francio*.

## Ekzemploj de vortoj

| Esperanto | Alzaca | Altalemana | Germana | Ŝvaba germana dialekto | Franca | Nederlanda |
|---|---|---|---|---|---|---|
| domo | Hüüs [hy˙s] | Huus | Haus | Hous | maison | huis |
| brua, bruema | lüüt [ly˙d̥] | luut | laut | lout | bruyant | luid |
| popolo | Lit [lɪd̥] | Lüt | Leute | Leid | gens/peuple | lui |
| hodiaŭ | hit [hɪd̥] | Hüt | heute | heid | aujourd'hui | vandaag |
| bela | schen [ʃeːn] | schö | schön | sche | beau | schoon |
| Tero | Ard [a˙ɾd̥] | Ärd | Erde | Erd | terre | aarde |
| nebulo | Nabel [naːb̥l̩] | Näbel | Nebel | Nebl | brouillard | nevel |
| akvo | Wàsser [ʋɑsəɾ] | Wasser | Wasser | Wasser | eau | water |
| viro | Mànn [mɑ˙n] | Maa | Mann | Mà | homme | man |
| manĝi | assa [asə] | ässe | essen | essa | manger | eten |
| drinki | trenka [d̥ɾəŋg̊ə] | trinkche | trinken | trenka | boire | drinken |
| malgranda | klai [g̊laɪ]] | chlei | klein | kloi | petit, petite | klein |
| infano | Kind [kɪnd̥] | Chind | Kind | Kind | enfant | kind |
| tago | Däi | Dag | Tag | Dàg | jour | dag |
| virino | Fràì | Frou | Frau | Frau | femme | vrouw |

# Alfabeto

| Majuskloj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | B | C | D | E | F | G | H | I | J | K | L | M | N | O | P | Q | R | S | T | U | V | W | X | Y | Z | Ä | À | É | Ö | Ü | Ù |
| Minuskloj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| a | b | c | d | e | f | g | h | i | j | k | l | m | n | o | p | q | r | s | t | u | v | w | x | y | z | ä | à | é | ö | ü | ù |

# Literaturo en la alzaca

### Bildliteraturo

- Tinĉjo
  - D'Affär mit'm Tournesol - La afero Tournesol
  - De Castafiore ihre Schmuck - La juveloj de la Ĉastafloro
- Asteriks
  - De Asterix än de olympische Spieler - Asteriks ĉe la olimpiaj ludoj
  - Asterix geht wieder dran - Asteriks kaj la gaŭla reveno
- Gaston Lagaffe, n°10 La gigantulo de la stulto (2007)

### Infanlibroj

- E. kaj M. Sinniger-Wollbrett, *s'Zwarichel vom Bàschbarri*, ed. Nord-Alsace, 2002. ISBN 2951754639

# Bildaro



Skribo sur fenestro en Eguisheim: *Dis Hausz sted in Godes Hand - God be war es vor Feyr u(nd Brand)*("Ĉi tiu domo troviĝas en la manoj de Dio - Ke Dio povu protekti ĝin kontraŭ la fajroj kaj incendioj")




Dulingva skribaĵo (franca kaj alzaca) en Mulhouse